11-a jaro. — N-ro 6 (124) Junio 1925.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Direktoro ;

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11

ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :

H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.



JARA ABONPREZO : Fr. 10—

EKSTERLANDE : Fr. 12.50

ANTVERPENO

1925

# ESPERANTO IN EEN OOGSLAG !

ESPERANTO is PHONETISCH.
Alle letters worden uitgesproken :
*één letter één klank*
De KLEMTOON valt altijd op de *voorlaatste* letter-reep.
*Geen onregelmatigheden*
*Geen uitzonderingen*

**HET ALPHABET VAN ESPERANTO**

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Aa | Bb | Cc | Ĉĉ | Dd | Ee | Ff | Gg |
| *a* | *b* | *ts* | *tsj* | *d* | *e* | *f* | *g(*)* |
| Ĝĝ | Hh | Ĥĥ | Ii | Jj | Ĵj | | |
| *dzj* | *h* | *ch* | *i* | *j* | *j(*)* | | |
| Kk | Ll | Mm | Nn | Oo | Pp | Rr | Ss |
| *k* | *l* | *m* | *n* | *o* | *p* | *r* | *s* |
| Ŝŝ | Tt | Uu | Ŭŭ | Vv | Zz | | |
| *sj* | *t* | *oe* | *korte oe* | *v* | *z* | | |

Q, W, X en Y bestaan niet.
* *fransche* als in gant, jeu

A, E, I, O, U hebben ongeveer den klank als in *ja, re, mi, do, doek.*
C klinkt niet gelijk S of K, maar gelijk *ts* in fiets of *tsaar*.
J heeft den klank van *j* in *ja*.
De klanken ĉ, ĝ, ĥ, ĵ, ŝ en ŭ vindt men in *tsjirpen, John, lachen, jalappe, chocolade* en *leeuw*.

DE SPRAAKLEER bestaat uit ZESTIEN GRONDREGELS.
DE WOORDEN worden gevormd uit stammen door toevoeging van geschikte letters

**O** is de uitgang van het NAAMWOORD: fakto, telefono, piano, libro, lajro, tasko.
HOEDANIGHEIDSWOORDEN eindigen op **A**: evidenta, longa, granda, bela, furioza, simpla

NAAMWOORDEN en HOEDANIGHEIDSWOORDEN vormen hun MEERVOUD door toevoeging van **J** (*aj, oj* klinken ongeveer als in *eieren* en *uien*)
evidentaj faktoj longaj telefonoj grandaj libroj

AL DE EENVOUDIGE TIJDEN VAN HET WERKWOORD WORDEN GEVORMD DOOR SLECHTS ZES UITGANGEN

| *Onbep. wijs* | *Tegenw. tijd* | *Verleden tijd* | *Toekomende tijd* | *Voorw. wijze* | *Geb. wijze* |
|---|---|---|---|---|---|
| **I** | **AS** | **IS** | **OS** | **US** | **U** |
| ESTI | estas | estis | estos | estus | estu |
| LERNI | lernas | lernis | lernos | lernus | lernu |
| INSTRUI | instruas | instruis | instruos | instruus | instruu |

**N** vormt den ACCUSATIEF (*rechtstreeksch voorwerp*)
Mi (*ik*) instruas lin (*hem*)
Li (*hij*) instruas min (*mij*)
Vi lernas Esperanton

BIJWOORDEN eindigen op **E**: rapide, entuziasme, diligente

*ESTU PRETA : LERNU ESPERANTON*

DEELWOORDEN worden gebruikt als *hoedanigheidswoorden naamwoorden* en *bijwoorden* :

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Bedrijvend* | Tegenw ANT | Verleden INT | Toekomend ONT |
| *Lijdend* | Tegenw AT | Verleden IT | Toekomend OT |
| | Mi estas instruanta | Mi estas la instruanto | Instruante, mi lernas |
| | Vi estas instruata | Vi estas la instruato | Instruate vi lernas |

**ĈU** (spreek uit gelijk *tsjoe*) om een vraag te stellen

harpo, piano, violono, fluto, orgeno — estas instrumento (?)
lilio, rozo, tulipo, violo, geranio — estas floro (?)
melono, banano, figo, piro, pomo — estas frukto (?)
hundo, kato, kamelo, elefanto, urso — estas besto ?)

Ons *Ja* is **JES** en ons *Neen* is **NE**

**LA** (De het) enig bepaald lidwoord

| | | |
|---|---|---|
| tasko, piano | estas (*is*) | simpla, granda |
| knabo, raporto | estis (*was*) | bela, favora |
| progreso, anekdoto | estos (*zal zijn*) | rapida, longa |

*Het voorvoegsel* **MAL** *duidt het tegengestelde aan*
malsimpla, malgranda, malbela, malfavora, malrapida, mallonga

KLEUREN
blanka papero
blua krajono
nigra inko
bruna tero
rozaj lipoj

TELWOORDEN : Unu, 1, du, 2, tri, 3, kvar, 4; kvin, 5, ses, sep, ok, naŭ, dek, cent, 100, mil, 1000; miliono. RANGSCHIKKENDE TELW. : unua klaso dua klaso enz.
Als Bijwoorden : *unue* ten eerste *due* tweede, enz.

Het BEROEP wordt aangeduid door **IST**: dentisto, fakisto, artisto

Het VROUWELIJK GESLACHT wordt aangeduid door **IN**: princo princino, patro patrino, leono leonino

*Vijf* andere *voorvoegsels* en *twintig* andere *achtervoegsels* maken het mogelijk alle begrippen met meeste juistheid uit te drukken.

11a JARO. N-ro 6 (124) JUNIO 1925


# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto :
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 543.74

Abonoj kaj Monsendoj
FERN. MATHIEUX
94, Avenue Bel-Air, Uccle
Postceko No 39984.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*


## BELGA LIGO ESPERANTISTA.

# XIVa Belga Esperanto-Kongreso

(VERVIERS, 30-31 MAJO KAJ 1 JUNIO 1925.)

Akceptante la inviton de niaj Verviersaj amikoj, la Ligestraro estis konvikita, ke ili kapablos prezenti jarfeston, kiu certe superos ne nur la unuan Belgan kongreson (organizitan en plena reforma batalo) de 1909, sed ankaŭ ĉiujn aliajn naciajn kunvenojn de tiam faritajn en nia lando.

Kaj ni tuj diru, ke la okazintaĵoj pravigis la fidon, kiun niaj gvidantoj havis pri la sindonemo kaj laboremo de la Komitato kaj membroj de la Verviersa grupo.

* * *

Sabate de antaŭ la 17a horo, la stabo de la organizanta societo estis preta en la akceptejo « Café des Pays Bas » (apud la Centra stacidomo por bonvenigi la praksimume 150 gekongresanojn. En la etaĝa salono, ĉiu akurate ricevis siajn dokumentojn, informojn pri loĝejo k.t.p. Tiu ĉi laboro, kiu antaŭe tre ofte estis kaŭzo de plendoj,kritikoj kaj malkontentigoj,plej bonorde plenumiĝis ĉar detale kaj zorge preparita estis ĉio, malgraŭ tio, ke, kiel kutime, multaj partoprenantoj nur lastmomente sendis sian aliĝilon.

Je la 20a en la sama loko la kongresanoj estis akceptataj de la «Chambre des Métiers et Négoces» de Verviers. Multaj komitatanoj kaj membroj de tiu grava loka komerc-industria organizajo esprimis per sia ĉeesto sian simpation al nia movado. S-ro Brion, prezidanto, bonvenigis la Esperantistojn kaj deziris grandan sukceson al iliaj klopodoj.

S-ro Jos. Pirnay, urba konsilanto, sekretario de la akceptanta ĉambro

kaj prezidanto de la loka grupo esperantista, akcentis la intereson, kiun portas la «Ch. d. M. et N.» al la demando pri internacia lingvo, kaj esprimis la deziron, ke baldaŭ estu starigata en Belgujo speciala komitato pri Esperanto kaj komerco, kiel jam ekzistas en kelkaj aliaj landoj. Li invitis ĉiujn ĉeestantojn malplenigi pokalon da honorvino je la estontaj sukcesoj de Esperanto.

S-ro Cogen, je la nomo de la kongresanoj, varme dankis pro la kora akcepto la «Ch. d. M. et N.».

S-ro Abato Ĉe, el Bukarest, delegito de la Rumana Ministro pri Komerco, kaj sendito de la Centra Komitato de la Esperantista movado, longe parolis interesplene kaj plej humore pri la signifo de Esperanto kaj pri ĝia utilo por ĉiuj homoj sur la tero tiel same laŭ intelektaj kiel laŭ komercaj rilatoj. Multfoje interrompata per aplaŭdoj de la ĉeestantoj, tiu parolado estis tre lerte kaj flue tradukita en francan lingvon de nia amiko Ivan Delhez, sekretario de la Verviersa grupo. Ĉi tiu samideano pro tiu malfacila tasko estis plej danke gratulata de S-ro Cogen kaj aklamata de ĉiuj.

Tiu unua prepara kunveno plej favore impresis la partoprenantojn, esperantistajn kaj neesperantistajn... kaj tre certe neniam resonadis tiel malfrue dumnokte en Verviers la harmonia lingvo internacia.

* * *

La dimanĉan tagon superradiis brilanta suno. Je la 10a horo la verdstelana paca bataliono estis preta por ekmarŝi al la urbodomo, kie okazos oficiala akcepto organizita de la urbestraro. Kondukita de kelkaj grupaj standardoj, la kongresanaro promenadis tra la ĉefaj stratoj kaj alvenis je la 10 1/2 h. al la urbestrarejo, ĉe kies fasado gaje flirtis la naciaj flagoj de ĉiuj landoj reprezentataj.

En la «Reĝa salono» S-ro urbestro L. Defays, S-roj skabenoj C. Simon, Pirard, H. Tiberghien, urbaj konsilantoj Hosay, Bonjean, Cardol, provinca konsilanto Fr. Grün (tre malnova amiko de Esperanto) kaj sekretario Nison, akceptis oficiale la kongresanojn, kiujn prezentis nia amiko Jos. Pirnay, urba konsilanto. Ĉi tiu dankis la urbestraron pro la enkonduko de nia lingvo en la kursoj de la 4a-grada instruejo kaj pro tio, ke ĝi akceptis la patronecon de nia kongreso. Li atentigis pri la partopreno en nia festo de rumanaj, francaj, nederlandaj, anglaj kaj polaj Esperantistoj.

S-ro vicprezidanto L. Cogen prezentis gravan paroladon. Tiun interesplenan dokumenton ni presigas plentekste en proksima numero.

Post atenta aŭskultado S-ro urbestro Defays, komence en Esperanto, poste en franca lingvo, jene respondis:

Mesdames, Messieurs,

Je ne saurais mieux vous exprimer la sympathie que j'éprouve pour l'œuvre entreprise par votre groupement qu'en me servant de sa langue. C'est avec amertume que j'avoue mon regret de ne pas l'avoir étudiée; mais c'est avec une profonde satisfaction que je parviens, après quelques instants d'attention, à m'exprimer en

«Espéranto», faisant ainsi la preuve la plus éloquente de sa facilité d'assimilation.

Puisse cet aveu contribuer à l'expansion de votre propagande, dont la réussite à présent incontestable,est appelée à donner à nos rapports internationaux une ampleur et une facilité inappréciables.

Votre honorable président a bien voulu nous rappeler que la Ville de Verviers fut en quelque sorte le berceau de l'Espérantisme en Belgique. Je suis fier de pouvoir épingler ce souvenir et de vous réserver un accueil aussi cordial que celui qui vous fut fait ici en Juin 1909 à l'occasion de votre premier Congrès National. Et c'est avec une profonde satisfaction que je puis me convaincre dès aujourd'hui des progrès énormes accomplis par votre œuvre, dont l'épanouissement et l'influence éminemment bienfaisante sont un fait accompli.

Une telle conclusion est pleinement justifiée, en présence des faits qui viennent de nous être révélés par votre porte-parole; nous nous en réjouissons de tout cœur.

Laissez moi y ajouter une constatation personnelle que je viens de faire en lisant,il y a deux jours «Le Matin» de Paris. Le Ministre du Commerce et de l'Industrie, dans l'intention de donner à la clientèle du télégraphe une facilité nouvelle pour la préparation de sa correspondance, a décidé d'admettre l'usage de la langue auxiliaire «Espéranto» pour la rédaction en langage clair du régime intérieur.

Mesdames et Messieurs,

Un succès considérable a donc déjà récompensé les nobles efforts si largement déployés par vos vaillants organisateurs, tant au point de vue des relations internationales que de la vie intérieure des nations. Nul doute qu'ils s'accentuent sans cesse, et que dans un avenir prochain, il atteigne les proportions d'un véritable triomphe.

C'est dans cette pensée qu'au nom de l'administration communale je vous adresse à tous mes plus chaleureuses félicitations et que je forme les vœux les plus ardents pour la réussite de votre congrès.

S-ro Louis Pirard, skabeno pri instruado, aldonas kelkajn vortojn. Li diras ke, akceptante la esperantistojn, la Verviersa urbestraro de 1909 kaj tiu de 1925 deziris montri sian favoron al nia movado, pruvante per tio tute simple, ke ĝi havas sanan komprenon pri la nuntempaj bezonoj. La rolo de internacia lingvo povas esti ja tre efika kaj multe influi la pacigon de la tuta homaro, ne parolante pri la jam nun konstateblaj avantaĝoj rezultantaj el la faciligo de la rilatoj ekonomiaj, sociaj aŭ religiaj. La urbestraro ĉiam faros sian eblon por helpi la esperantistojn.

Ne necese estas diri, ke la du eminentaj parolintoj estis estuziasme aplaŭdataj.

Dum oni trinkas la oficialan honorvinon, S-ro Abatao Ĉe, en Esperanto, pledas elokvente por nia lingvo, kiu havas tiel grandan utilon por la malgrandaj orientaj nacioj. S-ro I. Delhez denove plej facile kaj precize tradukas.

* * *



La 14a Belga Kongreso de Esperanto en Verviers.

La ĝenerala kunsido de Belga Ligo Esperantista okazis je la 11a h. en la konferenca salonego de la Popola Universato «La Mutuelle». Krom cento da gemembroj, ĝin ĉeestis S-roj C. Simon, skabeno, Hosay, urba

konsilanto, Nison, urba sekretario, Grün, provinca konsilanto,Ach.Simon, direktoro de la urbaj lernejoj, Max Simon, prezidanto de la Societo de Komercvojaĝistoj, Schiervel, delegito de la Ĉambro de metioj kaj negocoj.

La estraran tablon okupis S-roj L. Cogen (Ninove) prezidanto; L. Champy (Antverpeno) vicprezidanto; H. Petiau (Gento) ĝenerala sekretario; F. Schoofs (Antverpeno) direktoro de «B. E.»; urba konsilanto J. Pirnay, komitatano, kaj diversaj alilandaj delegitoj.

S-ro Cogen malfermas la kunsidon kaj legas jenan paroladon:

Karaj Geamikoj,

Vi retrovas min hodiaŭ denove kiel Kongresa Prezidanto, ĉar antaŭ deko da tagoj nur, nia amata Amiko kaj Liga Prezidanto Witteryck sciigis al mi ke pro sia ŝanceliĝanta farto li ne povus vojaĝi al Verviers, kaj samtempe li petis min, ke mi anstataŭu lin. Tion mi senhezite faris kun plezuro, ĉar tiel mi utilas al li, sed samtempe kun ĉagreno, ĉar pro tio ni denove ne havas la ŝancon vidi ĉi tie nian bonegan samideanon; kaj mi esprimas certe ĉies ideon, kiam mi proponas, ke ni sendu al li telegramon de kora saluto de ĉiuj gekongresanoj, ĉu ne?

Jen ni, estimataj geamikoj, kunvenintaj el ĉiuj belgaj provincoj kaj eĉ el kelkaj fremdaj landoj, por festi nian XIVan ĉiujaran solenan belgan festotagon. Mi diras al vi ĉiuj, diverslandaj kaj belgaj gesamideanoj, tre koran bonvenon en ĉi tiu kongreso, kiu dissŝutu en la regiono Verviers - Spa, la bonan grenon plej senŝpare por la diskonigo de nia kara idealo kaj ĝia posta disvastiĝo.

Tute specialan saluton en ĉi tiu ĝenerala kunveno ni ŝuldas al Sinjoro skabeno Casimir Simon, al S-ro Lambion, prezidanto de «La Mutuelle», al S-ro Achille Simon, direktoro de la publikaj lernejoj. Estas la unuan fojon, ke oficialaj personoj faras al ni la grandan honoron ĉeesti nian laboran kunvenon kaj venas tiel pligrandigi nian kuraĝon kaj nian entuziasmon. Je via nomo, Gekongresanoj, mi tutkore dankas tiujn Sinjorojn kaj mi esprimas la esperon, ke ili de tie ĉi kunportos la konvinkon ne nur, ke lingvo internacia estas uzebla kaj necesa, sed ankaŭ ke Esperanto estas la solvo de la problemo kaj ke Esperanto estas lingvo belsona, lingvo facila, lingvo utila kaj praktika, kapabla esprimi ĉiujn ideojn kaj eĉ la plej delikatajn nuancojn de la ideoj.

Specialan saluton de bonveno, ni ŝuldas ankaŭ, karaj geamikoj, al nia fervorega samideano, Lia Abata Moŝto Ĉe, kiu faras al ni la grandan honoron kaj plezuron ĉeesti nian kongreson. Vi scias ĉiuj kiel senlaca kaj kuraĝega propagandanto de nia entrepreno eestas nia samideano Ĉe kiu vojaĝas de lando al lando por disĵeti la bonan semon. Hodiaŭ li venas kuraĝigi nin kaj profitigi je sia granda sperto. Pro tio je via nomo, mi gratulas kaj samtempe dankas lin.

Sed nia sento de tre sincera danko iru ankaŭ al ĉiuj geamikoj

kaj al ĉiuj ceteraj personoj kun ni simpatiantaj,kaj kiuj ebligis kaj preparis por nia utilo kaj nia plezuro la diversajn partojn de nia kongreso. Unue, al ĉiuj geklubanoj de la Verviers'a grupo kaj al la Spa'aj geamikoj, due al la Urbestraroj de ambaŭ kongresaj urboj Verviers kaj Spa, kiuj faras al ni la honoron akcepti nin en siaj urbdomoj kaj tiel apogas oficiale nian movadon,trie al la komitatoj de la Societoj «La Mutuelle» kaj «L'Emulation» kiuj pruntedonas al ni aminde siajn sidejojn por niaj kunvenoj laboraj kaj festaj, kaj kvare, al ĉiuj ceteraj gebonvelulojkiujn mi povus esti ne jam menciinta.

Kaj nun, antaŭ ol paroli pri la Esperanta afero mem, ni dum momento pie enpensiĝu kaj donu kortuŝan rememorigon al la gesamideanoj je eterne forlasintaj nin.La Bruĝa Grupo estis trafita je diversaj funebroj pro formortigo de membroj; ankaŭ la Verviers'a Grupo perdis sian ŝatatan Honoran Prezidanton, -Sron Spinhayer; ni kondolencu kun niaj ambaŭurbaj geamikoj kaj deziru pacan ripozon al la mortintoj, kiuj dum sia vivo bone meritis je nia movado pro sia propagandemeco kaj favorigo. Ni ankaŭ ne forgesu ĉefe, ke la tuta Esperantistaro malĝoje funebris pro la morto de la vidvino de nia Majstro, Sinjorino Klara Zamenhof-Silbernik, la bonega vivkunulino de l'aŭtoro de nia lingvo, ŝi, al kiu ni duone ŝuldas la sukceson de nia movado, ĉar se nia nemortebla Zamenhof konstruis Esperanton, ŝi konstante instigis al li la kuraĝon por komenci kaj daŭrigi la bataladon por ĝia enkonduko en la mondon kaj disvastigado tra ĝi. Dormu ŝi nun pace, flanke de sia glora edzo. Al ŝi, la bedaŭregata mortintino, nia plej kara rememorigo.

Post tiu halto ĉe niaj foririntaj gekaruloj, ni ree eniru la realan mondon, kaj, se ni volus karakterizi la hodiaŭan kongreson, ŝajnas al mi, ke ni rajtus kvalifiki ĝin kiel «la kongreso de la ĝoja espero». Efektive, kiel mi ĵus diris en la urbdomo multaj ĝojigaj faktoj okazis ne nur en la Esperantista movado mem, sed ekster ĝi, okazintaĵoj, kiuj montras ke,krom la Esperantistoj, la kondukantoj de la granda publiko, ĉu en pedagogia, ĉu en komerca kaj industria, ĉu en scienca, ĉu eĉ en ŝtata fako, komencas ŝati laŭ valoro, nian idealojn kaj interesiĝi serioze je ĝi! Sed eble unu el la ĉefaj faktoroj de nia baldaŭa triumfo estas la laste aperinta el ili: la radiofonio! Vi ĉiuj scias kian grandegan sukceson akiris rapide ĉe la tutmonda publiko tiu nova komunikilo; sed precize pro ĝi la «muroj de miljaroj starantaj inter la popoloj dividitaj» ekaltigis siajn «obstinajn barojn»... en niaj domoj mem! Kiom da fojoj okazis jam al mi, ke iu aŭ alia radiofoniisto diras al mi: «Kia bela eltrovaĵo! Komforte sidante en sia apogseĝo, oni ĝuas je koncertoj, paroladoj, teatraĵoj, k. t. p., jen de Bruselo, jen de Parizo, jen de Londono, de Romo, de Berlino, k. c.; sed io estas malagrabla: kiam estas uzata fremda lingvo, kvankam mi ĝin ja

bone konas, mi tamen ne komprenas la parolanton?» Jen malkovrita plej trafe la malhelpanta diverslingva barilo! Kaj ĝi pli kaj pli pligraviĝos kun la kreskanta sukceso de la radiofonio, kaj tial ĉi tiu lasta pli kaj pli fariĝos la ĉefa faktoro de nia fina triumfo. La entuziasmo por nia lingvo kaj ĝia granda sukceso en la 1a Internacia Kongreso de la Radiofoniaj Federacioj tutmondaj, okazinta en Parizo dum la nunjaraj Paskaj tagoj, kaj ankaŭ en la radiofoniaj revuoj, do tute ne estas mirigaj! Male!

Alia simptomo tre favora estas, la ĉiutage kreskanta intereso de la gazetaro por nia entrepreno. Estinttempe, tre malmultaj estis la gazetoj kiuj konsentis publikigi ian seriozan artikolon pri nia lingvo.

Sed tre ofte okazis,ke nesciegantaj redaktoroj publikigis pri nia afero mokojn kaj ridindajn stultaĵojn, kaj tiel senskrupule trompis la publikon. Nun tio multe pliboniĝis; ili eksentas, ke nia lingvo vere miksiĝas ĉiutage pli kaj pli en ĉiuj homaj agadoj, kaj ili rilatas pli singarde kaj pli juste kontraŭ ĝi. Dum la lastaj monatoj diversaj el la ĉefaj belgaj ĵurnaloj enpresis arojn da artikoloj tre seriozaj pri Esperanto, kaj komunikaĵojn pri ĝiaj manifestadoj en diversaj fakoj. Ni legas ekzemple, regule en la rubriko T. S. F., pri kursoj, paroladoj, kantoj elsendotaj de la diversaj stacioj.

Ĉu ĉio tio ne estas ĝojega, karaj geamikoj? Ĉu mi ne estis prava dirante al la Urbestraro, ke neniam la batalado por nia movado estis pli kuraĝiga ol nun, kaj ĉu mi ankaŭ ne estis prava, kiam mi kvalifikis nian nunan kongreson kiel tiun de la «ĝoja espero»?

Mi do ĝoje malfermas ĉi tiun kongresan kunvenon. Mi deziras, karaj geamikoj, ke vi, en la ĉi tiea Esperantujo, avide enspiros la vigligan Esperantan aeron kaj ke vi reiros en viajn reciprokajn hejmojn, kun ĝojaj koroj, kun plifortikigita konvinko pri la utilegeco de nia idealo, kun firma decido rekomenci la bonan bataladon kun renovigitaj forto kaj obstino.

Vivu do nia XIVa en Verviers kaj en Spa!

---

S-ro Cogen laŭtlegas sekvantan telegramon:

Al Sinjoro Witteryck — Steenbrugge:

Dekkvara belga kongreso salutas ligan prezidanton al kiu estas kore dezirata baldaŭa bona sano — kiu, post longa aklamo, estos forsendita.

S-ro H. Petiau, Ĝenerala Sekretario, prezentas sian raporton pri la liga agado dum la pasinta jaro:

Estimataj Gesamideanoj!

Mi tre deziris ree danki niajn Bruĝajn geamikojn, kiuj tiel bone organizis la lastan kongreson kaj havigis al la kongresanojn tiel agra-

blan restadon en sia urbo kaj ĉe la marbordo, kie ili ĉerpis novajn fortojn por daŭrigi nian pacan bataladon; kaj la batalado daŭradis!

Nova grupo fondiĝis en Sankta Nikolao kaj mi deziras al ĝi longan kaj tre prosperan vivadon.

La grupa agado fukciis normale ; multaj novaj kursoj estis ĉie organizataj kun plena sukceso, precipe en Antverpeno, Bruĝo kaj Verviers.

En Antverpeno, Ledeberg, Mehleno kaj Verviers, la kursoj oficiale organizitaj de tiuj komunumoj okazis kun pli kaj pli da sukceso.

Malgraŭ ĉiuj klopodoj ni ne sukcesis aranĝi, ke «Belga Esperantisto» regule aperu; la malbonaj cirkonstancoj estis pli fortaj ol nia bonvolemo! Sed nun, novaj aranĝoj estas alprenitaj kaj ni povas esperi, ke estonte via revuo aperos regule ĉiumonate; ke tiuj kiuj ĝis nun ne reabonis ĝin, bonvolu tuj fari la neceson, por ebligi regulan eldonadon.

Mi ne povas preterlasi atentigi vin pri la internacia komerca eksperimento organizita de la «Konstanta Reprezentantaro» de nia movado (K. R.). «Verda Stelo» kaj «Antverpena Grupo» kaj «Genta Grupo» partoprenis tiun eksperimenton kaj organizis specialan kurson por komercistoj. Antaŭ ol komenci tiun eksperimenton la organizintoj unue klopodis por ke ĝi okazu sub la patronado de la komercaj institucioj kaj ili atingis ne-esperitan rezultaton, precipe en Antverpeno kie la industri kaj komerca ĉambro kaj la ĉefaj komercaj asocioj akceptis patronadi la kurson. En Gento, honora komitato estis starigita, kiu konsistis el la prezidantoj de la komerca ĉambro, de kelkaj grandaj industraj organizaĵoj kaj de la «Asocio de la Belgaj Florkulturistoj». Sub tia protektado la du kursoj bone sukcesis kaj la rezultato estas tre kontentiga. Unuafoje ni havis la okazon atentigi serioze la industrian kaj komercan rondon pri la utileco de Esperanto kaj la bona rezultato atingita en Antverpeno kaj Gento igas min bedaŭri, ke en la aliaj urboj oni ne partoprenis la eksperimenton. Sed nenio estas perdita.

La internacia komerca konferenco, kiu ĵus okazis en Parizo donas al ni novan okazon altiri la atenton de la komercisto al nia movado. Tiu konferenco, kiu okazis sub la aŭspicoj de la Komerca Ĉambro kaj de la Komerca Foiro de Paris, akiris grandegan sukceson. Pli ol 150 komercaj Ĉambroj kaj ĉirkaŭ 200 komercaj kaj turismaj institucioj el 32 diversaj landoj aliĝis al la konferenco, kiu estis tre interesa. La komercaj ĉambroj el Antverpeno, Arlon, Gento kaj Verviers estis reprezentataj same kiel kelkaj aliaj belgaj komercaj organismoj.

S-ro Chaumet, la franca ministro de l'komerco, tre favora al Esperanto, for el Parizo dum la konferenco anstataŭigis sin de sia Sekretario, kiu prezidis la malferman kunsidon kaj partoprenis en la laboroj de la konferenco. Siaflanke, S-ro Painlevé, Ĉefministro, tre fervora Esperantisto, sendis delegiton por anonci al la konferenco ke la franca registaro ĵus decidis akcepti Esperanton kiel klaran lingvon en la internaj telegrafaj rilatoj kaj promenis proponi dum la proksima internacia konferenco de la telegrafoj, ke nia lingvo estu oficiale akceptata en

la internaciaj telegrafaj rilatoj. S-ro Painlevé ankaŭ promesis rekomendi la akcepton de Esperanto en la Ligo de Nacioj.

La scienca konferenco, kiu okazis samtempe en Parizo ankaŭ tre bone sukcesis; multaj scienculoj el ĉiuj landoj ĝin ĉeestis kaj la malferma kunsido en la Sorbonne (Pariza ŝtata universitato) estis tre impona. Ĝin prezidis S-ro Richet, la fama kuracisto, profesoro en la Sorbonne kaj membro de la Franca Instituto, ĉirkaŭata de multaj scienculoj francaj kaj alilandaj. La paroladoj faritaj de la diversaj scienculoj estis ege interesaj kaj tre favore influis al nia afero la multnombran publikon kiu ĉeestis la kunvenon.

Jen, karaj geamikoj, aro da bonaj novaĵoj kiuj instigos vin labori kun nova kuraĝo por la fina venko de nia afero!

Kaj nun permesu, ke mi deziru al viaj laboroj plej bonan sukceson. Mi ne dubas, ke vi pasigos du agrablajn tagojn en Esperantujo dank'al la konata afableco de niaj Verviers'aj amikoj, kiuj de preskaŭ unu jaro laboradis por organizi agrablan kongreson kaj mi estas certa, konante ilian praktikon organizemon, ke ili plene sukcesos. Mi tutkore dankas ilin je l'nomo de la Ligo pro tiu nova pruvo de sindonemo al nia afero kaj mi deziris, ke vi rekompencu ilin per praktika kaj fruktedona laboro!

Dankon al niaj Verviers'aj amikoj, sukceson al nia XIVa kaj

Vivu Esperanto!

HENRI PETIAU.

* * *

S-ro Petiau, senkulpigas S-ron Mathieux, kiu pro neantaŭvideblaj cirkonstancoj, lastmomente, estis malhelpita veturi al nia kongreso. Li tamen sendis jenan raporton pri la financa stato de la Ligo:

Karaj Gesamideanoj,

Kun granda plezuro mi sciigas al vi, ke dum la lasta jaro, nia financa situacio iom pliboniĝis.

Pro la pliatigo de la kotizaĵoj, mi ricevis de izolitaj membroj kaj de la grupoj ĉirkaŭ 600 frankojn, anstataŭ 250 dum 1923.

La nombro de la abonantoj al «Belga Esperantisto» pligrandiĝis (ĉirkaŭ 60 pli ol dum 1923).

Sed la plej efikan helpon mi ŝuldas al la iniciativo de nia amiko Petiau kiu reorganizis la servon de la anoncoj en nia revuo. Dank'al li, mi enkasigis preskaŭ 1500 frankojn.

La fina bilanco de la jaro montras profiton de 1228.85 frankoj.

Mi esperas ke tiun ĉi jaron, ni daŭrigos la progresadon kaj ke tiamaniere ni akiros la necesajn rimedojn por organizi ĝeneralan propagandon.

La kasisto de B. L. E.
F. MATHIEUX.

* * *

S-ro CAM. BABILON (Visé), komitatano, memorigas la ĉeestantaron pri la bona akcepto, kiun pasintan jaron la kongresanoj rezervis al la propono de S-ro J. Pirnay pri kongresa monkolekto por nia Liga kaso. Elokvente, li alvokas la sindonemon de la kunvenintoj kaj esperas, ke ili volus malavare refari la lastjaran geston.

Post aproba aklamo, kelkaj bonvolemaj fraŭlinoj kolektas en la salono sumon de Fr. 206.60 pro kiu la prezidanto varme dankas.

S-ro H. PETIAU legas salutleterojn kaj telegramojn de:

S-ro A. J. Witteryck, Prezidanto de Belga Ligo Esperantista;
S-ro Edmond Privat, Prezidanto de Centra Internacia Komitato;
Brita Esperantista Asocio, Londono;
Internacia Radio - Asocio, Londono;
Hungara Esperanto - Instituto, Budapest;
S-ro P. Balkanyi, ĉefdelegito de U. E. A. por Hungarujo;
S-ro Ad. Oberrotman, delegito de U. E. A. en Varsovio;
Pastro I. Ŝirjaev, Baklanka, Rusujo;
S-ino Elworthy - Posenaer, Mariaburg - Antverpeno;
Poresperanto Antverpena propaganda Komitato;
S-ro D. Hallet, eldonanta de «Guides Industriels Belges», Bruselo.

S-ro COGEN prezentas du raportojn de li verkitajn:

1) pri la Belga Festorganiza Klubo;
2) pri la Reciproka utileco de Esperanto kaj Stenografio.

La kunveno decidas, ke la plena teksto de ĉi tiuj raportoj estas publikigataj en «B. E.» kaj akceptas unuanime jenan rezolucion:

> Por helpi la normalan disvastiĝon de Esperanto, estas dezirinde ke ĉiuj Esperantistaj organismoj instigu siajn membrojn al lernado de Esperanta stenografio; aliparte, por pligrandigi la profesian valoron de la stenografiistaro, estas dezirinde ke ĉiuj stenografiistaj Societoj instigu siajn membrojn al lernado de Esperanto.

Tiam la prezidanto donas la parolvicon al la alilandaj delegitoj. Salutas la kongreson:

S-ro BOONE (franco), S-ino Mc LEOD (brito), S-ino BRAMKAMP (nederlandano), S-ro HARLAMB (ruso).

Fine, S-ro CE, je la nomo de la Internacia Centra Komitato kaj U. E. A., alportas koran saluton el ĉiuj jam vizititaj landoj kaj urboj. Li faras elokventan pledadon por ke la esperantistoj ĉie energie subtenu niajn centrajn organizaĵojn, kaj precipe, ke ili aliĝu al U. E. A. granda asocio de praktika uzo de nia lingvo. Li multe kaj plej interesplene rakontas pri spertoj de li faritaj dum lia propagandista «kariero».

Denove S-ro Ĉe rikoltas grandan sukceson pro lia alparolo klara kaj agrable miksita per amuzaj anekdotoj.

S-ro COGEN, demandinte, ĉu iu petas ankoraŭ la parolvicon, dankas la fremdajn gastojn kaj ĉiujn ĉeestintojn. Poste li fermas la kunsidon.

* * *

## LA FESTENO.

Je la 14a h. atendis nin la Festeno, en kiu partoprenis preskaŭ ĉiuj kongresanoj. Ĝi okazis en granda kaj bele ornamita salono «L'Emulation».

Ĉe la «honortablo» havis sian lokon: S-ro Cogen, je kies dekstra flanko sidis: S-roj David, deputito, Petiau, Hoen, deputito, Schoofs, Ĉe, Lambion, prezidanto de la «Mutuelle»; je lia maldekstra mano: S-roj Niezette, deputito, Champy, F. Grün, provinca konsilanto, F-ino Thooris, prezidantino de la Bruĝa Grupo, -Sro Nison, urba sekretario, Pirnay, konsilanto, Beaupain, sekretario de la Ĉambro de Komerco kaj Industrio, M. Simon, del. de Soc. de Komercaj vojaĝantoj, Schiervel, de la Ĉambro de Metioj kaj Negocoj, la redaktoroj de la kvar lokaj ĵurnaloj: «Le Courrier du Soir», «Le Jour», «Le Travail», «L'Union Libérale».

La manĝkarto anoncis: «Tomata Supo — Reĝinaj pasteĉoj — Lumbaĵo kun fungoj — Naturaj terpomoj — Ŝinko — Salato — Kremkukoj — 1/2 botelo da ruĝa vino».

La manĝaĵoj kaj trinkaĵoj estis bonaj kaj la servado zorge organizita. Dum la tuta festeno regis frata kaj gaja atmosfero. La honora tablo estis vasta kampo de propaganda agado pro la ĉeesto de tiom multe de varbotaj oficialaj eminentuloj.

Je la deserto eksplodis la toastoj:

S-ro L. Cogen prezentas jenan toaston al la Gereĝoj kaj al la Verviers'a Urbestraro:

> Dum nia ĉiujara festeno vi ĉiam atendas la alvenon de l'momento de la unua toasto, de la toasto al nia Reĝo, al nia Reĝino, al nia Gereĝa Familio!
>
> Geamikoj, vi scias kiom favora al nia movado estas nia Reĝo kaj per kiaj plezurplenaj kaj admirindaj vortoj li ĉiujare respondas al niaj telegramoj!
>
> Ni renovigu hodiaŭ nian senton de simpatio al nia Regnestro levante niajn pokalojn je Lia honoro kaj je tiu de Lia Familio! (Aplaŭdo) ... kaj por ke nia unua belga civitano memoriĝu pri nia Esperantista entrepreno, mi proponas, ke ni sendu al Li jenan telegramon:
>
> A Sa Majesté, Roi des Belges,
>
> Sire, les Espérantistes belges réunis en leur quatorzième Congrès à Verviers viennent d'acclamer un toast glorifiant votre Majesté ainsi que sa Majesté la Reine et la Famille Royale. — Le Président: L. Cogen. (1)

---

(1) Respondo ricevita:

Monsieur Cogen, Président des Espérantistes belges,

Le Roi a été très touché du toast qui lui a été porté au cours du banquet des Espérantistes belges. Sa Majesté, très sensible aussi à vos gracieuses pensées pour la Reine et la famille Royale, m'a chargé de vous transmettre ainsi qu'à tous ceux qui se sont joints à vous, ses cordiaux remercîments. 5-6-1925. Chef Cabinet Roi.

Poste, S-ro Cogen diras:

Permettez-moi, Mesdames et Messieurs, de dire également à Messieurs les députés David, Hoen et Niezette, à Monsieur le conseiller provincial Grün, à M. l'avocat Beaupain, secrétaire de la Chambre de Commerce de Verviers, à M. Schiervel, délégué de la Chambre des Métiers et Négoce, à M. Max Simon, délégué de l'Association des Voyageurs de Commerce à M. Lambion, président de la Mutuelle, à M. Achille Simon, directeur des Ecoles publiques, combien nous nous réjouissons de les trouver parmi nous à ces agapes de la vraie fraternité, celle qui s'opère par le miracle de l'Unité du langage.

Messieurs, au nom des congressistes, je vous remercie de l'honneus que vous nous faites en participant à notre festin. A ceux d'entre vous que nous eûmes le plaisir de rencontrer déjà dans nos réunions de ce matin, je réitère, et à ceux que nous trouvons ici pour la première fois, j'adresse l'expression de notre grande sympathie et de notre vive reconnaissance pour l'encouragement officiel que nous ne saurions priser trop haut, pour l'encouragement officiel, dis-je, que vous nous prodiguez par votre participation à notre Congrès.Pour la cause de l'Espéranto,votre présence constitue l'approbation la plus précieuse et celle-ci ouvre à l'avenir du problème de la langue auxiliaire un horizon magnifique, plein des plus prometteuses realisations pratiques et tangibles pour la plus grande utilité des relations internationales dans le domaine de la Science, du Commerce, de l'Industrie, du Tourisme ,ou pour le dire d'une façon à la fois plus brève et plus complète, dans tous les domaines de l'activité humaine.

Nous tenons à vous déclarer, Messieurs, que nous conserverons le plus charmant des souvenirs de notre séjour dans la jolie ville de Verviers, ainsi que l'accueil si amical qui nous y est réservé de votre part.

Mesdames et Messieurs, je vous propose d'acclamer les représentants officiels qui sont venus participer à notre festin, et de vider vos verres en leur honneur et à leur santé!

S-ro HOEN, deputito, respondis je la nomo de la oficialaj personoj kiuj ĉeestis. Ilia ĉeesto ne nur estas elmontro de bonvolemo sed pruvo, ke ili alte ŝatas la iniciativon de la Esperantistoj, kiu enhavas promeson pri pacigo,pri feliĉo,pri amo.Ne estas pli efika ilo por sin helpi kaj kompreni unu la alian,ol komuna lingvo.Post la miloj da nun ekzistantaj - venos milionoj da estontaj adeptoj, kiuj igos Esperanton la gigantan levilon, kiu suprenlevos la mondon!

S-ro BEAUPAIN, Sekretario de la Ĉambro de Komerco kaj Industrio, senkulpigas sian prezidanton, S-ron Drèze, alportas la saluton de la komerca kaj industria rondoj de Verviers. Li insistas pri la profitoj kiujn havigos Esperanto, kaj trinkas je la bonaj rezultatoj al la klo-

podoj de la Esperantistoj kaj je la baldaŭa realigo de ilia humaneca kaj frateca idealo.

S-ro MAX SIMON, je la nomo de la Societo de Komerc-vojaĝantoj de Verviers, legas jenan deziresprimon de sia Societo:

La «Société des Voyageurs de Commerce de Verviers» komprenante la facilaĵojn, kiujn havigas Esperanto al la agentoj komisiataj prezenti siajn produktaĵojn en fremdaj landoj;

Konstatante, ke la kono de universala lingvo estas nepre necesega al ili.

Esprimas la deziron, ke la instruado de tiu lingvo estu enkondukata en ĉiuj komercaj instruejoj.

S-ro LAMBION, prezidanto de «La Mutuelle», promesas ke tiu societo daŭrigos subteni ĉiurilate la klopodojn de la Verviersaj Esperantistoj. Li memorigas, ke la fondinto de lia organizaĵo estas S-ro Rob. Centner, kiu, antaŭ multaj jaroj, unu el la unuaj, lernis Esperanton kaj favore por ĝi laboris en Verviers.

S-ro PASTRO ANDERO ĈE, dankinte la oficialajn personojn, altanime kaj belforme parolis pri la grandaj servoj,kiujn alportos nia lingvo al la tuta mondo, ĉar ĝi permesos al ĉiu homo bonvola, kompreni unu la alian. Dank'al ĝi, la postaj generacioj havos pli serenan ekzistadon, pli harmonian vivon.

S-ro I. DELHEZ (ne, kara leganto, ĉi tiun fojon li ne tradukis: ĉiu ĉeestanto, eĉ ne Esperanton lernonta,bone komprenis kaj sentis la korajn vortojn de S-ro Ĉe!) faris toaston al la Esperantistinoj, al kiu

S-ino BRAMKAMP respondis, proponante toaston al la Sinjoroj.

F-ino THOORIS proponis trinki je la sano de la membroj de la loka organiza Komitato, kiuj tiel bone kaj zorge aranĝis la unuan sennuban (eĉ vetere) kongreson. Ne necesas diri, ke tiu propono estis tondraplaŭde akceptita!

Fine S-ro J. PIRNAY, je la nomo de la organiza Komitato, dankis ĉiujn helpintojn kaj precipe la Urbestraron kaj la lokajn gazetojn, kiuj ĉiuj, senescepte, kore kunlaboris al la nun ĝuata sukceso.

* * *

Forlasinte la festenejon, la kongresanaro sin fotografigis kaj iris al la Muzeo Renier, kie nia malnova samideano J. Parotte gvidis kaj donis centojn da detaloj, respondis al milo da demandoj pri la interesaj objektoj arĥeologiaj kaj artaj kolektitaj en tiu interesplena muzeo.

(Daŭrigota.)

---

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

## EKZAMENO PRI PROFESORA KAPABLECO.

La Belgaj Esperantistoj, kiuj deziras sin prezenti al la ekzameno pri profesora kapableco, sin anoncu jam de nun al la Sekretario de la Ligo, S-ro H. Petiau, St-Lievenslaan, 60, Gento.

# KANTETO POR BANJO.

AL BANJO.

Ho rava la ludad' de banjo,
la stranga negra instrument';
ĝi estas ĝuo por la koro
kaj trilas kiel ama plend'.

Kun forta ritmo kaj kadenco
resonas ĝia ĉarma kant'; —
pejzaĝojn sorĉe ĝi vidigas
el milda, malproksima land'; —

el lando kun aliaj moroj
kaj kun alia religi':
la homoj tie salte dancas
je la honor' de sia di'...

Kaj ĉe l'vilaĝa palisaro,
sub ombroriĉa tamarin',
dum ie sonas banjoludo,
amaĵas negro kun negrin'.

Iilajn ambaŭ korojn kaptas
de l'amo la mistera sent'...
Ho rava la ludad' de banjo
la stranga negra instrument'...

JAN VAN SCHOOR.

---

# NI GRATULAS

**Fraŭlinon Germaine De Boes,** nian bonegan propagandistinon el St. Niklaas,fratino de la senlace laboranta prezidanto de la tiea nova gru po «Al Triumfo», kiu edziniĝis la 9an de Junio kun **Sinjoro Guidon - Jules Van Haver,** kiu ankaŭ jam lernis nian lingvon.

Sano, feliĉo kaj prosperado estu ilia vivosorto!

---

# DIVERSAJ INFORMOJ

MEĤLENA GRUPO ESPERANTISTA sciigas, ke la anoncita tendaro (Vidu B. E. N° 5) ne okazos en Rymenam sed apud la **lago de Hofstade.**

Xa KATOLIKA ESPERANTO - KONGRESO okazos de la 13a ĝis la 16a de Aŭgusto en Parizo. Kelkaj episkopaj moŝtoj konsentis protekti ĝin. La ĉefa temo, kiun oni pritraktos, estas la katolika gazetaro, kiun Esperanto multe povas helpi. Multaj distraĵoj estas arangotaj por la kongresistoj. Kotizo estas Fr. fr. 25.— (Valoranta por ĉiuj kongresaj organizoj, insigno, dokumentoj, k. t. p.). Aliĝojn kaj kotizojn oni sendu al F-ino M. Larroche, 55 rue de Vaugirard, Paris (VI).

PROPAGANDA KONFERENCO POR ESPERANTO okazos dum la 5a Internacia Kongreso de «Internacio Katolika» en Zug, Svislando. Tiu kongreso pritraktos la problemon de raso kaj nacieco laŭ kristana doktrino kaj havos lokon sub la protektado de L. M. Kardinalo Bourne de Westminster. Multaj aliaj diverslandaj episkopoj partoprenos. La

«I. K. - Oficejo», Zug (Svisl.) invitas ĉiujn katolikajn samideanojn ĉeesti tiun gravan kongreson, kaj sin anonci.

LA INTERNACIA LIGO DE LIBERPESULOJ enkondukos la demandon pri esperanto, kiu estas enskribita en la tagordo de la proksima kongreso de la Internacia Federacio de Liberpensaj Societoj. Tiu kongreso okazos en Parizo de la 16a ĝis la 18a de aŭgusto 1925. La Int. Ligo deziras, ke liberpensuloj esperantistaj ĉeesti grandnombre. Ĉiu kiu intencas iri bonvole skribu al S-ro E. E. Yelland, 3, Fonthill Road, London, N. 4.

LA GRUPO ESPERANTISTA DE SAINT-OMER (Francujo) monhelpata de la Urbestraro organizos Esperantan Ekspozicion de 28 Sept. ĝis 8 Okt. 1925 por kiu la Komerca Ĉambro cedos sian lokon. La grupo danke ricevos dokumentojn (poŝtkartojn, prospektojn, ĵurnalojn, k. c.) kaj rekompencos per speciala poŝtkarto.

STENOGRAFIO POR ESPERANTISTOJ. — La Delegito de UEA en Dordrecht, S-ro B. P. Roubos, faris novan neŭtralan sistemon de stenografio por Esp. - Interesatoj ricevos senpage la unuan lecionon kun necesaj informoj.

AL GESTUDENTOJ. — Aliĝu tuj al «Internacia Studenta Esp. Asocio», kies celoj estas: 1e propagandi Esperanton inter la tutmonda gestudentaro; 2e per la praktika peresperanta laboro plifaciligi ĉiuspecajn rilatojn: sciencajn, moralajn, materialajn, k. t. p. Kotizo estas Fr. Sv. 2.— lernantoj de superaj meslernejoj) kaj Fr.Sv. 5 por subtenantaj membroj. — Adreso de la nova sekretariejo: F-ino Lidja Zamenhof, str. Krolewska, 41, Varsovia (Polujo).

ESPERANTO - SERVO EN ĈESKE BUDEJOVICE (Ĉehoslovakio), senpage informas pri komercaj, industriaj, sociaj, negocaj k. a. demandoj pri Ĉehoslovakio. Ĝi peras ankaŭ eksporton kaj importon. Adreso: Jos. Ploss, Kizkova str. 6, Ĉ. Dudejovice.

VERDA KRUCO estas la nomo de malgranda, modesta kolego en la Esperantista Gazetaro. Ĝi estas la organo de la Esp. Tabakkontraŭula Asocio. Adreso: Wien 69, Postfach, Aŭstrujo!

ALVOKO AL LA BELGAJ ESPERANTISTAJ FERVOJISTOJ. — La internacia fervoja movado sendube ege interesas vin kaj vi ne ankoraŭ estas membro de Esp. Fervojista asocio! Al ni mankis ĝis nun forta internacia asocio, kiu povas ĉiujn konvinki, ke Esperanto estas necesa interkomprenilo por samprofesianaj interrilatoj. Tiu asocio nun ekzistas. Membriĝu do al la «Internacia Asocio de la Esp. Fervojistoj» (I.A.E.F.) Ne prokrastu ĝis morgaŭ, kion vi povas fari hodiaŭ; sendu kiel eble plej baldaŭ vian aliĝon por ke nia asocio iĝu forta kaj vigla. Petu informojn de mi. A. F. Beirens, subestro de stacio en St-Niklaas W., Groote Peperstraat, 4.

MEMORAĴOJ PRI LA KONGRESO DE VERVIERS. — Restas provizo de ilustritaj poŝtkartoj kaj gvidlibretoj pri la kongresurbo. — Ni instigas ĉiujn Belgajn samideanojn ke ili helpu al niaj Verviers'aj ge-

amikoj, kiuj nenion ŝparis por la sukceso de la kongreso, kaj ke ili mendos kiel eble plej grandan kvanton da tiuj valoraj kaj utilaj propagandiloj, ĉu por si mem, ĉu por siaj amikoj aŭ grupo.

Prezoj: Serio de 7 kartoj, Fr. 1.—, gvidlibreto, Fr. 1.—; mendante 12 unuojn, oni ricevas 13an senpage. Pagu al Poŝtĉekkonto 1516.10; alilandaj monbiletoj akceptataj.

KIU DEZIRAS INFORMOJN PRI «OOMOTO» (spirita movado), sin turnu al la Oomoto Propagando-Oficejo, Ajabe (Japanujo).

---

# PLEZURA NOKTO.

(FINO)

Peĉjo kaj Karolĉjo, vidinte la policanon, kiel eble plej profunde sin kaŝis sub la kovriloj, ĉar ili jam scias laŭsperte, ke policanoj ne estas agrablaj homoj, kiam oni kontraŭas ilin. Peĉjo nevole frotas sian dekstran orelon, kiu antaŭ nelonge pro petolaĵo estis sub la manoj de policisto, kaj, sub la kovriloj, Karolĉjo mokridas:

«Hodiaŭ li faras nenion malbonan al vi, Peĉjo!»

«Nun lasu Benjon rakonti ĉion, kio okazis», diras s-ino Bovendam,metante sin apud la policanon kaj plaĉe rigardante lian sabron.

«Nu, sinjorino! mi scias ĉion», estas la respondo. «Ni iru supren nun kaj kaptu la ŝteliston. La sinjoroj nur akompanu min, mi petas, ĉar oni neniam scias, ĉu tiu sinjoro sin defendos aŭ ne.

«Ho Dio! Bovendam restu do ĉi tie! Vi estas tiel nerva! Kaj vi Kristiano, vi tiel grave malvarmumis!»

«Venu, sinjoroj, ni iru; estas nur afero de unu momento.Kiam ni estos kaptintaj lin, ni mankatenigos lin, kaj poste: al la policejo!»

«Ĉielo! Kiel kuraĝa estas tia homo», admire diras Manjo.

«Nu, tio estas lia metio», la sinjorino malkviete diras, vidante ke ŝiaj filo kaj edzo sin preparas por sekvi la policanon. Ŝi denove riskas, dirante:

«Bovendam! pensu pri viaj infanoj».

Vane! La dommastro sentante la tutan gravecon de sia personeco, iom lakone, respondas: «Ni tuj kaptos lin!» kaj per gesto, inda je la plej fama teatra aktoro, li prenas la fornhokon. Kristiano sin armas per bototirilo, kaj formas la postgvardion.

La trio preterpasante prenas la perditan ŝlosilon en la geedza ĉambro, kaj, singarde, supreniranta la ŝtuparon, alvenas antaŭ la ĉambropordo de Benjo.

«Silentu! sst!» flustras la policano, «aŭskultu ni unue. «Poste li senbrue puŝas la ŝlosilon en la pordon kaj, mallaŭte aldonas, malantaŭenirante unu paŝon: «Kiam mi malfermas, vi ambaŭ puŝas la pordon kiel eble plej forte, ĉar eble li embuske atendas por elkuri, kiam la pordo malfermiĝas. Se li kontraŭstaras, frapu lin sur la kapon».

Bovendam tremegas pro timo; ĉiuspecaj teruraj pensoj fulmrapide traflugas lian spiriton. «Ĉiele!» li pensas, «se tiu fripono nin atendus kaj frapus al ni per ponardo. Huh!» Li frostotremas; la lumo skuiĝas en lia mano.

«Atentu la kandelon, sinjorino! Ne timu; kiel mi diris : frapu nur sur...»

Kristiano premegas la bototirilon en sia mano.

«Nu, sinjoro! atentu», diras la policano, kaj sin pretigas por malfermi.

«Ĉu vi lin jam tenas?» subite eksonas sufoka voĉo malsupre. Estas sinjorino Bovendam, kiu vokas, starante ĉe la ŝtuparo.

«Mi certe malsaniĝos pro tiu afero!» diras Manjo, morte teruriĝita.

«Manjo! Panjo! Ĉu mi nun povas vidi lin?» krias Karolĉjo el sia lito, kaj Peĉjo staras nudpiede en la mezo de la koridoro.

«Rapidu! en la liton, bubaĉo!»

«Sed, Manjo, mi tiel ŝatus vidi lin; Kristiano tamen ankaŭ povas ĉeesti.

«Ne! En la liton, knabaĉo!» krias Manjo.

Dume la policano estas eliginta la sabron kaj li skue malfermas la pordon.

Patro kaj filo tiel forte puŝas la pordon ĉe la muron, ke la tapeto ŝiriĝas, kaj la ĉarniroj akre knaras kaj grincas.

En la ĉambro estas neniu; morta silento! Singarde la policano alproksimiĝas de la lito.

«Flankentenu la kandelon, sinjoro, por ke mi rigardu sub la liton. — Vere! Tie li kuŝas». La policano montras la piedojn, kaj, laŭtigante la voĉon, li krias:

«Ne restu tiel trankvila, knabo; ni tamen tenas vin! Elsubiĝu, mi petas; vi certe erare alvenis tien? — Hop! Venu do! Au, ĉu mi devas tikli vin per mia sabro?»

Morta silento!...

«Ho! Dio! Ili tenas lin!» diras la voĉo de la sinjorino malsupre de la ŝtuparo.

«Peĉjo! Karolĉjo» je l'nomo de Dio enlitiĝu», diras Manjo. — Nu, sinjorino! diru vi do al tiuj sentaŭguloj, ke ili foriru».

Benjo forigas la infanojn.

«Kion vi pensas? Ĉu plaĉas al vi veni ĉi tien aŭ ĉu ne?» denove krias la policano kun kolera blasfemo, sed tiel laŭtege, ke la virinoj subite retiriĝas.

Silento kiel en tombo...

«Vi ne povas pensi, ke la afero finiĝos tiamaniere; ni tre bone vidas vin, amiko mia! Nu ankoraŭ mi diras: venu de sub la lito!»

Nenia respondo...

«Jen, tenu mian sabron, junulo, mi ekkaptos lin.»

Kristiano prenas la armilon; la policano kliniĝas, ekkaptas la piedojn kaj tenas paron da pantoflojn en la manoj, kun kiuj li falas malantaŭen ĉe la muron.

Bovendam, pro timego, lasas fali la kandelon, sed feliĉe ĝi daŭras bruli, kaj Kristiano ĝin prenas.

«Lumigu, iom, junulo! Mi kredas, ke via fratino estas ege trompiĝinta», ridante diras la policano, kiu estas kuŝiĝinta sur la genuojn kaj palpe serĉas sub la lito.

Bovendam ekkomprenas ĉion,kaj,kiam la policano el sub la lito prenas kelkajn rulojn da tapetpapero kaj volvitan tapiŝeton, li tute komprenas.

«Ha! ha! ha! ha! — estas la pantofloj de la tapetisto; li hodiaŭ laboris tie ĉi», li ridegas. «Ha! ha! ha! li ordigis ĉion kaj li almetis la pantoflojn sur la rulojn; morgaŭ li revenos, por riparteksi la tapiŝeton kaj tapeti la pordon. Pri tio ni ne pensis. — Ha! ha! ha! ha!»

«Ha! ha! ha! ha!» ridas Kristiano, dum li sidiĝas sur seĝon.

«Estas vere, sinjoro! Vi ektimis pro nenio», respondas la policano, kiu, leviĝante, senpolvigas siajn genuojn. «Ekzistas nenia danĝero. Vi eble estas tre nerva, ĉu ne? Iom timema?»

«Ne precize tio, sed... mia filino, ĉu ne... ŝi kredis, ke..., ŝi pensis..., ŝi opiniis... Ha! ha! ha! ha! la pantofloj de la tapetisto...»

Kristiano estas releviĝinta kaj vokas malsupren:

«Panjo! Benjo! Manjo! venu rapide! Ni tenas lin!»

«Nu, sinjoro — estas pli bone tiel, sed mi nepre devas fari protokolon, se ne mi ne povas pravigi, ke mi forlasis mian sekcion. Estas komika okazintaĵo! Ha! ha! ha!»

La sinjorino kaj la aliaj estas suprenvenintaj, pro la laŭtega ridado, kaj konsternite ili rigardas la du eluzitajn pantoflojn, kiujn la sinjoro tenas en la mano.

«Ĉu do ne estas ŝtelisto, ĉi tie, paĉjo?» demandas Karolĉjo.

«Ne, karulo mia, — tute ne.»

«Hej, tio estas bedaŭrinda, paĉjo!» diras Peĉjo.

«Nu, sinjoro! Mi do foriras, Morgaŭ vi devos iri al la policoficejo, pro la protokolo».

«Ĉu tio estas nepre necesa, amiko?»

«Jes, sinjoro, vi ne povas eviti tion. Se mi silentas, tiam, komprenebIe, ... sed...»

«Mi komprenas! Nu, mi preferas, ke vi silentu, pro mia filino». — Benjo ŝtelforiras malsupren. — »Kaj ankaŭ estas iomete ridinde, por la najbaroj, amiko!»

«Jes, sinjoro, koncerne tion, estas komika okazintaĵo. Vi komprenas, ke via timemo estas la kaŭzo de ĉio».

«La nekonigo de la afero valoras por mi kelkajn guldenojn».

«Nu, sinjoro, ĉar estas vi; estas malpermesite al policanoj akcepti trinkmonon, sed, konsiderante, ke la fraŭlino — viaj propraj nerveco kaj timemo — nu...!» La dekstra mano de la policano faras geston, kiun Bovendam bonege komprenas.

La servisto de la leĝo foriras, post multfoja ripetado, ke neniu ekscios ion pri la afero. Kaj kiam finfine la tuta familio Bovendam denove estas enlitiĝinta, la sinjorino diras:

«Petro, estus tamen preferinde transloĝiĝi en la malnovan urbon; tie ĉi en tiuj novaj stratoj oni ja ne estas kvieta!»

Bovendam malbonhumore sin turnas, kaj nur diras:

«Estas plezura nokto!»

Tradukis M. BOEREN.

# BIBLIOGRAFIO.

SALTEGO TRANS JARMILOJ. Romano originale verkita de Jean Forge. — Eldonita de Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig. 1924. Esperanto-Fako. 196 paĝoj: 23.5 × 20 cm. Prezo: Orm. 4.50.

Tiu romano estas certe unu el la plej interesaj kaj atentokaptaj produkaĵoj de nia originala literaturo. Temas pri la «Co-radioj« malkovritaj de la scienculo Fromaĝi, dank'al kiuj la malkovrinto, lia familio, la edukistino, fraŭlino Snob, la geservistaro kaj du amikoj kapablas vojaĝi en la pasintaĵo kaj vizitas dum kelka tempo la antikvan Romon je la epoko de imperiestro Nerono.

Oni facile imagas la sennombrajn, strangajn kaj amuzajn aventurojn okazantajn al la gevojaĝantoj! La fantazia imagpovo de la aŭtoro riĉe disvolviĝas, en tiuj ducentoj da paĝoj, tra rakontado ĉiam alloga, interesa, flua, tre belstila kaj la leganto ĉeestas, kunvivas la okazantajojn!

La aŭtoro uzas senŝpare novajn vortojn, plej ofte tuj kompreneblajn; li faras iafoje trafajn kunmetaĵojn; alifoje la kunmetaĵoj ŝajnas malpli sukcesintaj; iafoje ankaŭ nekorektaj. Ĝenerale tamen la verko estas ege rekomendinda kaj la nomo de l'aŭtoro estas memorinda, ĉar posedante en si la veran «ŝtofon» de talenta romanverkisto, li certe fariĝos, se li daŭrigas, unu el la plej famaj literaturistoj mondlingvaj.

AVENTUROJ DE MALSPERTULO (fragmento de la verko) de Robert Reitzel; esperantigis Dro Tobias Sigel — 1924 — Esperanto Verlag Ellersiek kaj Borel — Berlin kaj Dresden — Prezo 1.20 Orm. — La malspertulo estas la aŭtoro mem, kiu vojaĝis Usonon dum sia junaĝo por trovi porviron kaj kies komenca restado en la Nova Mondo estis intersekvo de mizeroj, de suferadoj, de seniĝadoj kaj mankoj, kiujn li rakontas kun neelĉerpebla bonhumoro, ne ŝparante tamen meritītan ungoskrapon al tiu aŭ alia riĉa senkorulo. La traduko estas entute bone farita, kvankam ĉi tie kaj tie la atenton de l'leganto trafos ĉu vorto malbonsence uzita, aŭ ne ĝuste kunmetita, ĉu esprimo tro laŭvorte tradukita, ĉu gramatika nekorektaĵo.

(Ekzemploj: kompanio, anst. kunularo aŭ ĉeesto; sklavofoirejo; anst. sklavofoiro; «ĉio bone marŝis»; anst. sukcesis; la adiaŭo de tiu arbara idilio, anst. «al»; Ĉio estis plenega per laboristoj, anst. «de»; laboro kio, anst. kiu.)

LA PAN-EŬROPA MANIFESTO de R. N. Coudenove - Kalergi ; esperantigis D-ro Edm. Sos; eldonejo Paul Knepler, Wien, Lichtensteg, 1. Prezo: 0.50 sv. frk.

Tre korekta traduko de kelkpaĝa alvoko al la Eŭropaj Ŝtatoj por kuniĝi en Federacio, por firmigi kaj certigi la mondan pacon kaj la son de Eŭropo je la triobla vidpunkto politika, militista kaj ekonomia.

LA SENDANĜERECO DE FRANCUJO (tekstoj kaj dokumentoj) de André Honnorat, senatano, eks-ministro, Paris. L'idée française à l'étranger, 11, place de la Bourse, 1924. — Eldonaĵoj de la Societo de la Historio de la Milito. Bonege Esperantigita de grupo de la plej spertaj francaj Esperantistoj sub revidado de S-ro Grosjean-Maupin, tiu 150-paĝa broŝuro estas taŭgega ekzemplo de la kapableco kaj fleksebleco de Esperanto en politika kampo. Ĝi helpu malfermi pli kaj pli la okulojn de la skeptikuloj, ĉefe de la oficialuloj, pri la nesupereblaj meritoj de la mondlingvo!

TRI LIRIKOJ DE SHAKESPEARE, muziko de Matthew Francis Coates, presbitero M. A. Oxford; vortoj tradukitaj de Archibald John Ashley, presbitero. Prezo per poŝto: 1 ŝil, 7 p.; 1924, eldonita de A. J. Ashley, Farnley Tyas, apud Huddersfield, Anglujo.

La tri eltirajoj el la Shakespeare'a verkaro estas: Madrigalo (el Measure for Measure, akto 4, sc. 1), Fidele (el Cymbeline, akto 4, sc. 2) kaj Carpe diem (el Twelfth Night, akto 2, sc. 3).

La tradukoj ŝajnas al mi iom krudaj pro la senĉesa apostrofado de la «o» substantiva; ankaŭ iom tro sinteza kaj pro tio ne facile komprenebla. Kiel muziko tiu de la tria eltiraĵo plej plaĉas al ni kaj estas laŭ ni la plej sukcesinta.

L. C.

---

# IOM DA ALGEBRO

Oni vidas la unuan uzon de la komo, disiganta la entjerajn ciferojn de la decimalaj, en la Aritmetiko de Frances Pellos, verkita en la en la Nic'a dialekto kaj publikigita en Torino en 1492, la jaro de la malkovro de Ameriko.

Ni notu ankaŭ ke la signoj + kaj — de la sumigo kaj de la depreno nur aperas en verko, presita en 1489; estas en la Aritmetiko de Johann Willmann, publikigita en Leipzig'o.

La signo = aperis en angla verko, «The Whetstone of Witte» de Robert Recorde, en Londono en 1557. La simbolo: de la dividado devenas ŝajne de iu Rahn; kaj la angula signo, kiu laŭ sia direkto signifas «pli granda ol» aŭ «pli malgranda ol» vidiĝas en neniu alia verko antaŭ la «Artis analyticoe praxis» en Londono en 1631.

Oni do rimarkas, ke la skribmaniero de nia aritmetiko bezonis multan tempon por sia plena starigo.

---

**Ne forgesu**

**repagi vian abonon !**

# L'Espéranto en un coup d'œil !

L'ESPERANTO est PHONETIQUE.

On prononce *toutes* les lettres :

*Une lettre, un son.*

L'ACCENT TONIQUE tombe toujours sur *l'avant-dernière* syllabe.

*Pas d'irrégularités.*

*Pas d'exceptions.*

## L'ALPHABET DE L'ESPERANTO

| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Aa | Bb | Cc | Ĉĉ | Dd | Ee | Ff | Gg |
| *a* | *b* | *ts* | *tch* | *d* | *e* | *f* | *gu* |
| Ĝĝ | Hh | Ĥĥ | Ii | Jj | Ĵĵ | | |
| *dj* | *h aspiré* | *h très aspiré* | *i* | *y* | *j* | | |
| Kk | Ll | Mm | Nn | Oo | Pp | Rr | Ss |
| *k* | *l* | *m* | *n* | *o* | *p* | *r* | *ss* |
| Ŝŝ | Tt | Uu | Ŭŭ | Vv | Zz | | |
| *ch* | *t* | *ou* | *ou bref* | *v* | *z* | | |

Q, W, X et Y n'existent pas.

A, E, I, O, U se prononcent comme dans *la, ré, mi, do, toute.*

C ne sonne pas comme S, ou comme K mais comme *ts* de *tsar.*

J = *y* dans *yeux.*

Les sons ĉ, ĝ, ĥ, ĵ, ŝ, et ŭ se retrouvent dans *tch*èque, ad*j*udant, Aa*ch*en, *j*ardin, *ch*emin et Ra*ou*l.

La GRAMMAIRE se compose de SEIZE RÈGLES FONDAMENTALES.

Les MOTS se forment au moyen de radicaux auxquels s'ajoutent des lettres appropriées.

**O** est la terminaison du SUBSTANTIF : fakto, telefono, piano, libro, fajro, tasko

L'ADJECTIF se termine en **A** : evidenta, longa, granda, bela, furioza, simpla

Les SUBSTANTIFS et les ADJECTIFS forment leur PLURIEL par l'adjonction de **J** (*aj, oj* se prononcent comme dans *ail* et Boïeldieu).

evidentaj faktoj — longaj telefonoj — grandaj libroj

SIX TERMINAISONS SUFFISENT POUR FORMER TOUS LES TEMPS SIMPLES DU VERBE

| *Infinitif* | *Présent* | *Passé* | *Futur* | *Conditionnel* | *Impératif :* |
|---|---|---|---|---|---|
| **I** | **AS** | **IS** | **OS** | **US** | **U** |
| ESTI | estas | estis | estos | estus | estu |
| LERNI | lernas | lernis | lernos | lernus | lernu |
| INSTRUI | instruas | instruis | instruos | instruus | instruu |

**N** forme l'ACCUSATIF (*complément direct*)

Mi (*je*) instruas lin (*lui*)

Li (*il*) instruas min (*moi*)

Vi lernas Esperanton

Les ADVERBES se terminent en **E** : rapide, entuziasme, diligente

## *ESTU PRETA : LERNU ESPERANTON*

Les PARTICIPES s'emploient comme *adjectifs, substantifs* et *adverbes*

*Actif* : Présent : -ANT' — Passé : -INT' — Futur : -ONT'

*Passif* : Présent : -AT' — Passé : -IT' — Futur : -OT'

Mi estas instruanta — Mi estas la instruanto. — Instruante, mi lernas

Vi estas instruata. — Vi estas la instruato. — Instruate, vi lernas.

**ĈU** se prononce comme *tchou. Forme la phrase interrogative.*

harpo, piano, violono, fluto, orgeno — estas *instrumento* (?)

lilio, rozo, tulipo, violo, geranio — estas *floro*(?)

melono, banano, figo, piro, pomo — estas *frukto* (?)

hundo, kato, kamelo, elefanto, urso — estas *besto* ?)

*Oui* se dit **JES** et *Non* se dit : **NE**

**LA** (le, la, les) Unique article défini

tasko, piano — estas (*est*) — simpla, granda

knabo, raporto — estis *était* — bela, favora

progreso, anekdoto — estos (*sera*) — rapida, longa

*Le préfixe* **MAL** *indique le contraire.*

malsimpla, malgranda, malbela, malfavora, malrapida, mallonga

COULEURS

| | |
|---|---|
| blanka | papero |
| blua | krajono |
| nigra | inko |
| bruna | tero |
| rozaj | lipoj |

NOMS DE NOMBRE : Unu, 1 ; du, 2 ; tri, 3 ; kvar, 4 ; kvin, 5 ; ses, sep, ok, naŭ, dek ; cent, 100 ; mil, 1000 ; miliono. ADJECTIFS NUMÉRAUX ORDINAUX : unua klaso, dua klaso, etc. Comme Adverbes : *unue* premièrement ; *due*, deuxièmement ; etc.

La PROFESSION s'indique par **IST** : dentisto, bakisto, artisto

Le SEXE FÉMININ s'indique par : **IN** : princo — princino, patro — patrino, leono — leonino

*Cinq* autres *préfixes* et *vingt* autres *suffixes* permettent d'exprimer toutes les idées et ce avec un maximum de précision et de clarté.




Modelo de lingva simpleco:

# - ESPERANTO -

Modelo de aùtomobila simpleco:




**Petu informojn pri la laùvola pagsistemo ce la plej najbara Agento**

**Aùtomobiloj**

**Sargveturiloj**

**Motortiriloj**

REPREZENTANTOJ CIE!


